# ARGENTINA ESPERANTISTO

OFICIALA ORGANO

DE

ARGENTINA ESPERANTO - ASOCIO

**ENHAVO:**



BELGRANO 865
BUENOS AIRES

JARO IV - N.º 37

AUGUSTO OKTOBRO 1920

## Cayuela y García

SASTRERIA Y CONFECCIONES



Especialidad en Trajes sobre medida desde $ 55 el Traje

Casimires ingleses y franceses importados por la casa.

CORTADORES DE PRIMER ORDEN

Completo surtido en Boneteria, Camiseria, Sombreros y Corbatas.

Acordamos créditos en 10 mensualidades

CASAS de VENTA

**Suipacha esq. Viamonte y Córdoba 3924 al 44**

U. T. 5621, Mitre — U. T. 5824, Juncal

## FILATELISTOJ

Al ĉiu persono kiu sendos al mi per rekomendita letero 50, 100 au pli malsamaj poŝtmarkojn de sia lando, mi sendos saman kvanton au valoron en Argentinaj kaj Sudamerikaj poŝtmarkoj, lau katalogo Ivert-Tellier Adreso:

**PEDRO GOMEZ**

CORDOBA 3924

Buenos Aires — Argentino

## ¡¡Filatelistoj!!

Mi deziras intersangi uzitajn p. m. el ciuj landoj en ciaj kvantoj.

Mi sendos lau sendajo farita al mi, preferante altajn valorojn.

**Bonvolu sendi rekomendite**

**M. GAUDINO**

ENTRE RIOS 1408

BUENOS AIRES

## Esperanta Brodejo

Oni faras ĉiuspecajn laborojn pri brodajoj.- Oni korespondas esperante

**M. Chacon de Clevillé**

TUCUMAN 983

Depto. 14 — Bs. Aires

JARO IV AUGUSTO OKTOBRO 1920 N.o 37


# Argentina Esperantisto

Oficiala organo de Argentina Esperanto-Asocio

ABONPREZO 3 SM. JARE

REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO: BELGRANO 865 — Bs. AIRES

Vizitebla ĉiunokte de la 8.a ĝis la 10.a Dimanĉe de la 3.a ĝis la 7.a p. tagmeze


# TRA LA MAROJ KAJ LA URBOJ

## De Argentinio al Usono

(Por «Argentina Esperantisto»)

Finigo

### LA MARTINIKA

Kvankam mi intencis gardi mian paperon kaj krajonon ĝis atingi Novjorkon, tiu insulo staranta antaŭ miaj okuloj, igas min skribi kelkajn vortojn.

La ŝipo pasas tiel proksime de la marbordo ke mi bone povas vidi la sovaĝan belecon de la altaj montoj, ĉirkaŭataj de plumbokolora nubaro, kaj apud la maro, sub la piedoj mem de la vulkano kiu antaŭ jaroj semis cindrojn de morto, grupetoj da simplaj dometoj, kiel se loĝantoj lacaj jam de vivi atendus ke ĝi rekomencu ĝian laboron.

Nenia bruo, krom la monotona frapo de hakilo, estas aŭdata. Kiu devas esti la lignohakisto Ĉu li estas franca aventuristo laca jam trairi la mondon, aŭ nigrulo laca pro ĉiam vidi la saman teron? Mi ne scias; sed, mi imagas — kaj tremo puŝas mian koron — ke tiu monotona frapo estis dum kvin jaroj, la nura amiko de Kapitano Dreyfus, kiam post trairi la suprajojn de la montoj, la eĥo portis lin al la Insulo de la Diablo.

### LA STATUO DE LA LIBERECO

Tiun koloran statuon meze la maro, mi rigardas plej atente. Kion ĝi signifas? Mi, kutimita vidi bronzajn ĉevalojn kaj bravajn generalojn kun fieraj mienoj kaj akraj glavoj, ne kapablus diveni ke ĝi signifas la liberecon, se mi ne estus sciinta ĝin antaŭe.

La libereco kiun oni lernigis al ni, estas sangkolora. Ĝi vivas tra centjaroj kaj jarmiloj, en la pinto de la lanĉoj, en la buŝo de la kanonoj, en la miksaĵo de floroj kaj herboj kuŝantaj sur la batalkampo, ensorbitaj de sango kaj koto, kiel plej riĉa krono al la senvivaj batalintoj. Tia estas la libereco kiun oni lernigas al ni en la lernejoj. Estas Napoleono en Francujo, Bismark en Germanujo... Estas la sango de Kaino trairante niajn vejnojn!...

Kaj, kiam oni vizitis kelkajn diversnaciajn urbojn, kaj ĉiam vidis monumentojn kiuj prezentas liberecon per venkinta generalo, oni ne povas imagi liberecon se ĝi ne havas akran glavon, por montri el kio la libereco konsistas.

Bela kaj kolosa statuo! mi vin salutas! Estas la saluto de junulo kies haroj jam komencas blankiĝi, kaj tio donas al mi la rajton konsili vin:

Aĉetu kanonojn, ĉar eble la homoj bezonos vin por fandi kaj fari kuglojn. Se vi venkas, mi falos sur la vizaĝo, kaj mi krios: Vivu la liberecon! Se vi estas venkita... ha! tiam ne estos mia afero. La aliaj ĝin diros.

### NOVJORKO

Dum mia kvartaga restado en tiu ĉi *«urbeto»* mi ne povis skribi eĉ unu vorton. Mi estis tre okupata fermante kaj malfermante hispan-anglan vortaron, kies helpo estis preskaŭ senefika.

Mi, *profesoro de angla lingvo* — ho, Dio! mi petas vin pardonon — dum dek-ok tagoj, ne estis kapabla kompreni nek paroli dudek vortojn. Ĵus antaŭ momento, sidante en la sama benko en kiu nun mi estas atendante la vagonaron kiu kondukos min kelkaj horoj malproksime el la kolosa Novjor-

ko, Sinjorino demandis al mi... mi ne scias kion. Mi ridetis kiel idiotulo, kaj respondis: ja. — Ŝi parolis al mi denove, kaj mi ree ridetis kaj respondis: ja.

Post rigardi min de la kapo ĝis la piedoj, ŝi foriris, eble pensante ke mi estas drinka aŭ freneza.

Kial, mia Dio, post du mil jaroj de Kristana civilizacio, ni ne povas kompreni unuj la aliajn?

Tion mi diris al hispana junulo kiu loĝas en la sama hotelo kie mi loĝis, intence propagandi Esperanton. Sed, la praktika homo respondis al mi ke, estis, estas kaj estos sur la tero, nur unu internacia lingvo: mono. Se vi havas monon — li aldonis — iru kien vi volu. Ĉiuj komprenos vin.

Ĉu vi loĝas en Usono jam de longe? mi demandis — Post tri jaroj.

Ho, vi devas koni anglan lingvon sufiĉe bone.

—Pss. Kvindek vortojn, proksimume. Ĉi tie, en Novjorko, ne estas necese koni anglan lingvon. Mi laboras en hispana metiejo; mi loĝas, kiel vi vidas, en hispana domo, miaj amikoj estas hispanaj... kaj sufiĉas al mi kaj al ili, koni nur kelkajn vortojn apartenantaj al la ĉiutaga vivo. Ekzemple; se mi deziras eniri la kinematografon, kion mi bezonas posedi: Konon de lingvo? Tute ne! Nur mono! Tio sufiĉas. Mi metas dolaron sur la fenestreto, kaj se mi ne scias prononci «one» mi montras unu fiingron.

La servanto alportis kafon, ĉiuj ridis; mi lumigis cigaredon kaj silentis. En tiu momento diskutado estis ne oportuna. Tiuj homoj vivas en Novjorko same kiel ili vivis en Asturias aŭ Galikujo, kaj same kiel ili vivus en Hinujo aŭ en Afriko. Unu idealo: mono. Unu espero: reiri Hispanujon kaj rakonti ke ili vidis la altajn domojn kaj la faman ponton. Poste, nenio plu.

Estas ombroj kiuj promenas sur la tero, sed lasas post ilia paso, nenian signon per kiu ni povu scii kian vojon ili trairis. Estas la popolamaso kiu eĉ por ne pensi per sia propra kapo, pensas per la kapo de la aliaj.

Ho, karaj samideanoj! mi mem malkuraĝus se mi ne konus la vortojn de la Majstro:

Eĉ guto malgranda
Konstante frapanta
Traboras la monton granitan.

TROY

Jen estas nomo kiu restos gravurita en mia koro, tiel longe kiel longa estos mia vivo.

Mi lernis ĉi tie, ke miaj antaŭj deziroj mi tute ne povas plenumi. Dum la lastaj du jaroj, mia sano pli kaj pli malfortiĝis, kaj ideo eniris mian cerbon kaj konstruis en ĝi ĝian neston: forlasi la urbojn, kaj, kiel monaĥo, vivi meze la kamparo, sciante nenion pri la homoj. Tamen, kiam tiu tago alvenis, la tempo ŝajnis al mi tiel longa, kaj la vivo tiel enua, ke mia buŝo malfermiĝis por diri: urbegoj! benataj estu!

Infana deziro kiun mi karesis, kredante ke miaj nervoj resaniĝus en la kamparo, for!.....

Mi reiros la urbojn, kie la vivo plendas aŭ ĝuas; kie la homoj ridas aŭ ploras! Sed, mi ne devas fali, mi volas fali en la batalo de la homoj kontraŭ la homoj. La armeo de pacbatalantoj bezonas helpon. Neniu el ni devas forlasi la vicojn!

Ke «Argentina Esperanto Asocio» kresku kaj floru, estas mia varma deziro.

Al vi ĉiuj, karaj samideanoj, miajn korajn salutojn.

En la Usona Kamparo, la 28an. Majo.

*Jako Vilaseca.*


**CURSO POR CORRESPONDENCIA**

Para facilitar el estudio del ESPERANTO a las personaas radicadas en localidades donde no se dictan cursos orales, esta asociación ha organizado un curso permanente por correspondencia, con un número reducido de lecciones, modelos de redacción y un pequeño vocabulario como complemento del mismo.

La cuota única establecida es de $ 3.00 m|n., que deberá abonarse al inscribirse.


## Viro kiu volis akrigi sian hakilon

(*Lau Benjamin Flanklin*).

Kiam mi estis infano — ĉi tio okazis en vintra mateno — prezentis sin al mi nekonata viro alportante sur siaj ŝultroj senakritan hakilon. Li alproksimiĝis al mi min dirante:

—Infano, ĉu via patro posedas ĉi tie akrigan ŝtonon?

—Jes sinjoro, mi respondis al li.

—Ĉu vi volas helpi al mi je akrigi ĉi tiun hakilon?

—Jes sinjoro, mi lin rediris.

—Vi estas knabeto la plej bona kiun mi konis dum mia vivado. Ĉu vi volas alporti al mi ujon da varma akvo?

—Jes sinjoro.

—Ĉu vi volas ruligi la·ŝtonan ruligon? Vere mi jam komencis enui; sed mi ne povis nei tion kion kun tiom da sento li petadis min. Mi komencis labori kiel besto. Post ne longa tempo, la sonorilo de la lernejo, laŭte batante, vokis la lernantojn, sed ne ŝajnis al mi bone forlasi la laboron kaj mi daŭrigis laborante kiel bruto. Ho ĉiam mi rememoros tion!

Poste, mi finiĝis mian laboron, sed kun miaj malfeliĉaj manoj vunditáj kaj sagnantaj pro la fera rulilo. Tiam kiam mi kredis esti dankata, la viro alproksimiĝis al mi, kaj sename rigardante min, li min diris:

Foriru el tie ĉi, malbonulo; hodiaŭ vi ne volas iri lernejon! Foriru!

Ha, ĉiam, ĉiam mi rememoras pri tio! Preskaŭ mi ne povis kredi tion kion mi aŭdis.

Tiu homo okazigis al mi grandan malĝustaĵon igante min ruligi dum longa tempo la akrigan ŝtonon ĝis rompigi miajn manojn kaj fine nomante min malbonulo kaj fripono.

Tial kiam mi vidas viron petante al popoloj, parolante ĉiam pri popolaj rajtoj kaj celante per popola helpo atingi la plej sociajn mediojn, mi pripensas diri laŭtvoĉe:

Atentu malfeliĉuloj, tiu ĉi viro havas hakilon kiun li volas akrigi kaj pretendas tion atingi per ŝvito el viaj fruntoj kaj sango el viaj manoj.

Kiam mi vidas kelkajn virojn kiuj paroladis tre bone kaj en sia sekreta vivado agas tute kontraŭe, dezirante tamen, sin prezenti tre puraj, mi sentas pri ili tre granda malamo kaj mi ekkrias: Ho, malfeliĉaj popoloj, tiu ĉi viro penas por kondamni al vi ruligi ĉiame la akrigan ŝtonon.

Tiuj viroj, popolo, kiuj per flataj vortoj nomas vin popolo reĝa, mensogas. Ili estas mizeruloj kaj veraj friponoj.

*Esperantigis — Teofilo Ductil.*

---

## Kromo de doloro

(Kolombia rakonto)

*Luis Campos.*

---

Vespera suno. La brilaj radioj venas rompiĝi sur la kristalo de l'rivero, kiu brute kaj malhumile pasas, frapante la ŝtonojn kaj teksante koliariojn per la ondoj; ĝi iras rimante doloran verson...

Estas kampangulo malhela kaj silenta. Supre, la ponto senbara kaj senhoma; malsupre, la salikaro, plena je melankolio kaj mistero... Ludovikino — beleta bruna lavistino — frapas blankajn vestaĵojn kontraŭ la nigra ŝtono de la riverbordo. Poste, la sapo — ŝaŭmiĝante — mallaŭte kantas gajan kanteton...

Tra la vojeto, kiu tie naskiĝas kaj mortas en la urbo freneza kaj malkvietigata, malsupreniras viro.

—Ŝi (*rigardante al la vojeto*). Jozefo... Ĉu en kia celo li venos?... Malofte!... kaj mi kiu kredis pri la malamo kaj pri la forgeso.

Li alvenas. Li estas fortika dudekjara junulo. Liaj okuloj kraketas kiel karberoj bruligantaj. Sur liaj lipoj desegniĝas tragedia rideto, dolora eble... Li parolas.

—Ludovikino, bonan vesperon.

—Jozefo!...

Dum unu momento estas dolora kaj ataka silento; ŝi nove frapas la ŝtofon kontraŭ la nigra kaj ronda roko; poste, la sapo — ŝaŭmiĝante — kantas.

—LI. — Mi ne kredis trovi vin... Ĉar vi de mi forkuras...: Ĉar vi malamas min... Mi devis paroli al vi... Sed ne forkuru de mi...

ŜI. — Ne Jozefo, ne estas kialo por forkuri de vi. Vi ne estas tigro kaj multe malpli la diablo... (*Sonoras la ruĝaj tintiloj de ŝia rido*). Plie, parolas al mi unu kavaliro.


# ALVOKO

Oni petas al ĉiuj eldonantoj de Esperantaĵoj (libroj, gazetoj, k. t. p.) bonvolu sendi katalogojn, kondiĉojn k. t. p. por Argentinio.

**Argentina Esperanto · Asocio**

BELGRANO 865

Buenos Aires Argentinio

LI. — Jes, unu kavaliro. Sed unu kavaliro kiu ne pardonas kaj kiu scias sin venĝi!...

Ŝi paliĝas. Tra ŝia febrigita menso trairas terurega vizio. Poste, ŝi firmfiksas siajn mildajn kaj kvietajn okulojn sur tiujn furiozitaj de l' junulo kaj ŝi restas rigardante lin, fikse, eksterordinar maniere, kvazaŭ viva demando.

—Oni diris al mi — daŭrigas la junulo— ke vi edziniĝos... kaj tio ne povas okazi! Vi estas mia... mia aŭ nenies!

—Via, ne. Mi estas de la bona viro kiu amas min per sankta amo; mi ne estos de tiu kiu pretendas fari el mi unu...

—Silentu, Ludovikino. Ne blasfemu... Ci estos mia, kvankam ci volus aŭ ne... bonvole au perforte.

—Nek bonvole nek perforte... (*Sekve, montrante al li la vojon kun la okuloj bruliĝantaj kaj per la montra fingro ataka*): Foriru, Josefo...

—¿Ke mi foriru?... Ne, mi ne foriros!... Antaŭe, ci ĵuros al mi eternan amon antaŭ la sovaĝa rivero, sovaĝa kiel la sango mia kaj kiel mia koro... aŭdu tion, Ludovikino!...

Ŝi, antaŭ tiu-ĉi sciigo, malgajas; sed baldaŭ subitekomencas ŝi eksplodon de ridoj... Aŭdante ŝin, li furiozita apudiĝas kaj, kun la okuloj ege malfermataj en kiuj brilas la kolero, kaj kun la pugnoj kunpremitaj, demandas al ŝi:

—Ĉu mia aŭ nenies?...

—Via, neniam!... De li!...

Facilmova, kolerplena, la junulo sin ĵetas sur la malfortan korpon de la virgulino; li ŝin forte manprenas je la talio, kaj, skuante ŝin, li ŝin ĵetas sur la nigran kaj rondan ŝtonon... Sin ŝi defendas... Ŝi baraktas... Intencas ŝi sin eltiri el la feraj manoj kiuj ŝin premas... jam ŝi ne plu povas... Ŝi baldaŭ ekfalos inter la ungegoj de l' sovaĝa besto... Tiam, el ŝiaj lipoj teruriga krio subite flŭas kaj antaŭ ol vidi makulitan la rozon de sia virto, ŝi preferas la morton... Tamen ŝi batalas plu... Ŝi krias... Iom moviĝas ŝi kaj... la nigra buŝo de l' rivero envolvas ilin en sia salivo!... Enamasiĝas la ondoj... fortrenas ilin... Batalas li jam ne pro la amo sed por la vivo... Poste, la ondo de la morto apartigas ilin...

La nokto alvenis kompatema kaj dolorplena kun siaj funebraj kaj malsanigaj gazoj... La rivero ne kantas plu: sub la silento la akvoj malgajiĝas kaj ŝajnas mediti. Iom post iom en la ĉielo ekmontriĝas la steloj, kaj—miraklaj kandeloj por gardi la ĝemortintojn — ili komencas sin reflekti sur la akvo.

Esperantigis.

*Efrain Garcia Lozada.*

Cucuta. (Kolombio.—S. A.).

---

# Novaj akademianoj

En majo lasta okazis elektoj de novaj Akademianoj.

Estas elektitaj: Sroj Corret, Crosjean-Maupin, Kuhul, Privat kaj Warden.

Estas reelektitaj: Sroj Cart Mybs kaj de Lengyel. La Akademio konsistas nun el la nunaj 15 personoj: Th. Cart, P. Christaller, P. Corret, Evstifejeff, A. Gravowski, E. Grosjean-Maupin, V. Inglada, A. E. Wackrill, J. M. Warden, R. de Saussure, E. Kuhnl, P. Lengyel, Dro. Mybs, P. Nylen, E. Privat.

---

# "La esperanta lingvisto"

Estimataj Samideanoj:

De post longa tempo mi opinias, ke, por reguligi la evoluigon de nia Lingvo, estas necesa la publikigo de speciala gazeto, ekskluzive dediĉata al la studado de Esperanto laŭ lingvoscienca metodo.

Nur en la sistema esplorado de la efektive uzata lingvo ni devas ĉerpi la leĝojn de Esperanto, same kiel per metoda esplorado de niaj naciaj lingvoj oni starigis iliajn gramatikojn kaj vortarojn.

Metante la «Fundamento'n» super la diskuntojn, oni devus studi, ekzameni, analizi la verkojn de la Majstro kaj de niaj plej bonaj aŭtoroj de la gramatika, sintaksa, vortara vidpunktoj, kaj per zorga kritika komparo konstati kaj fiksi la ĝenerale akceptitajn regulojn kaj esprimojn.

Nun kiam, post la ventego, ni rekomen-


**SAMIDEANOJ!**

**Si cada uno de Vds. inscribe un nuevo socio a "ARGENTINA ESPERANTO ASOCIO" o un nuevo suscriptor para "ARGENTINA ESPERANTISTO", marcharemos a pasos agigantados y nuestro triunfo será indiscutible.**

Cuota de asociados: $ 1 mensual.

Cuota de socio protector: 2 $ mensuales como mínimo.

Suscripción a "ARGENTINA ESPERANTISTO: Un año, 3 $.

NOTA: A los socios se les remite gratuitamente la revista.

cas kun pli da energio kaj fervoro la interrompitan laboradon, mi alpaŝas al la plenumo de mia plano, per aperigo de tia revuo.

«LA ESPERANTA LINGVISTO» estos ĉiumonata gazeto, kun almenaŭ 48 paĝoj de oktava formato (22x14 cm.) kaj ĝia abonprezo ne superos 25 frankojn laŭ franca valoro.

Mi danke akceptos proponojn kaj konsilojn pri tiel grava afero kaj petas kunhelpon kaj kunlaboradon de ĉiuj samideanoj.

Sed mi ne publikigos la gazeton, se ĝia bezonateco ne estos pruvita de faktoj: tial mi petas la samideanojn, kiuj intencas aboni ĝin, konigi al mi sian intencon. La gazeto aperos nur se mi ricevos proksimume MIL abonpromesojn.

*Stefano La Colla,*
Via Felice Cavallotti 1,
PALERMO.
(Sicilia)

## VII.—Delegados

"Art. 31. — La C. K. está facultada para nombrar delegados de la A. E. A. en el interior de la República y en los demás países a los cuales se extienda la acción de la A. E. A. Todo delegado debe pertenecer a alguna agrupación adherida o ser socio aislado o protector de ésta.

"Art. 32. — Incumbe a los delegados: Informar a la C. K., lo más frecuente y detalladamente posible, sobre el movimiento esperantista en su localidad, y sobre todo hecho de alguna importancia ocurrido en la misma, relacionado con el Esperanto; trabajar en pro del Esperanto y de la A. E. A.; según las instrucciones especiales que recibiere de la C. K.

"Art. 33. — La C. K. extenderá a cada delegado una credencial firmada por el presidente y secretario, donde se hará constar la fecha en que termina su mandato (31 de marzo del año siguiente a aquel en que se efectúa el nombramiento), y donde se detallarán sus atribuciones. En caso de que entre éstas figuren la de percibir cuotas y donaciones, la C. K. deberá proveer al delegado de un talonario de recibos, debiendo cada boleta estar numerada y llevar el sello de la A. E. A., e impresa con el membrete de la Asociación.

Art. 34. — La C. K. puede en cualquier momento anular el nombramiento de un delegado."

Plenumante la ĉi-surajn artikolojn, la C. K. invitas ĉiujn samideanojn pretaj labori por nia Asocio sin oferi EN ESPERANTO pri lia deziro ekzerci la postenon delegito de A. E. A. en sia loko.

La redaktejo de "La Eklezia Revuo" bezonas korespondanton pri la religia movado en Argentino. Interesuloj bonvolu sinturni al la adreso de nia gazeto.

## Curso en A. E. A. de Esperanto

Habiendo terminado ya el curso que dictaba el komitatano Fco. Clevillé, el C. K. aceptó la gentil oferta del samideano Enrique Iglesias, para inaugurar un nuevo curso oral gratuito para el día 11 de Octubre.

Este curso, que puede considerársele rápido, lo es, a causa de que el señor Iglesias dicta dos clases semanales, los lunes y juedicta dos clases semaanles, los lunes y juema, de hacer adelantar rápidamente a sus alumnos.

**TARJETAS POSTALES**
Con el retrato del autor del Esperanto, impreso en dos colores, vende la A. E. A. a 5 centavos cada una, con franqueo pago (siempre que el pedido no sea menor de 20 postales).

**Remate de la Biblioteca**
— DE —



La C. K. con el propósito de formar una biblioteca exclusivamente de libros en Esperanto ha resuelto vender en subasta todos aquellos que no lo son designándo los días: 7 DE NOVIEMBRE y 5 DE DICIEMBRE, para dicha venta.

# CRONICA INTERNACIONAL

ALEMANIA.—*Achim*: Después de una conferencia, fundóse una nueva agrupación esperantista. *Augsburg*: Fundóse un grupo esperant. obrero. *Bremerhaven*: En la escuela profesional se introdujo el Esperanto como materia libre. El profesor es pagado por la comuna. Toman parte en el curso 25 personas. *Dresde*: En la escuela popular 150 niños aprenden el Esp. *Eisenach*: Curso en la escuela popular superior. *Essen*: Conferencia. *Hamburgo*: Exposición esperantista. *Hartenstein*: Introdújose el Esp. en la escuela popular. *Kamenz*: Conferencia, dos cursos. *Kronach*: Conferencia. *Merseburg*: En el campamento de prisioneros rusos fundóse una agrupación y se inauguraron cursos. *Mittweida*: Curso. *Neugersdorf*: Varios cursos en escuelas populares, comerciales e industriales. *Neukölln*: La Liga Internacional Pedagógica adoptó el Esp. *Niederhermsdorf*: Por unánime decisión del consejo escolar, el Esp. se convirtió en materia obligatoria. La nueva ley escolar dedica especial atención a este punto El Sr. Scheiber, aquien se debe este éxito, comenzó la enseñanza. *Plaffenhofen*: Nuevo grupo. *Plauen*: Introdújose el Esp. en la escuela de oficios. *Regensburg*: Fundóse un grupo. *Sebnitz*: Nuevo curso. *Seifhennersdorf*: Curso. *Weinböla*: Las autoridades municipales decidieron que en lo sucesivo la comuna costearía la enseñanza del Esp. a 30 niños de la escuela local. *Werdau*: El Sr. Neumann introdujo el Esp. en la escuela popular superior. Se fundó una asociación, «Obstine Antaŭen», que dirige cuatro cursos.

AUSTRIA. — *Fohnsdorf*: Nueva agrupación. Curso. *Graz*: El grupo local cuenta ahora con más de 200 socios. *Salzburg*: Curso. *Voitsberg*: Fundóse un círculo esperantista.

BELGICA. — Todo un éxito, inesperadamente grande, resultó el IX° Congreso Esperantista Belga, el primero que se realizó aquí después de la guerra. Tomaron parte unas 200 personas. El señor Paul Otlet, secretario general de la Unión de las Asociales Internacionales, anunció que se crearía una cátedra de Esp. en la Universidad Internacional a fundarse en Septiembre.

BULGARIA. — *Pazargik*: Nuevo grupo. *Pleven*: Dos cursos.

CHECOESLOVAQUIA. — *Bohm*: Curso. *Brunn-Brno*: Conferencia, curso. *Budejovice*: El Ministerio de Instrucción y Cultura Nacional permitió la enseñanza del Esp. en la escuela infantil. *Eidlitz*: Curso. *Hradec-Kralové*: Activa propaganda. *Lucenec*: Curso. *Mor-Ostrava*: Nueva sociedad. *Praga*: Curso por correspondencia. *Reichenberg*: Gran propaganda, con motivo de la feria.

ESPAÑA. — Tuvo lugar una asamblea de esperantistas de todas las regiones de la península. Tomáronse importantes decisiones encaminadas a intensificar la propaganda en el país y fuera de él.

FRANCIA. — *Baugé*: Curso. *Bourg-la-Reine*: Curso. *Grenoble*: Curso *Havre*: Dos cursos. *Limoges*: Dos conferencias; curso. *Niza*: Curso. *Orleans*: Conferencia. *París*: Cursos. La revista «Clarté» publicó un artículo del célebre escritor Barbusse, defendiendo con entusiasmo el Esperanto y recomendando su pronta adopción.

GRAN BRETAÑA. — *Coventry*: Nuevo grupo. *Dublin*: Activa propaganda. *Liverpool*: Curso. *Salford*: Conferencia y curso.

Tuvo lugar en Birminghan el XI Congreso de esperantistas británicos, desde el 21 hasta el 25 de mayo. Asistieron más de 300 personas.

HOLANDA. — *Aalsmeer*: Curso; nueva agrupación. *Amsterdaam*: Cursos.

ITALIA. — *Bologna*: El 5.° Congreso esperantista nacional se reunirá en esta ciudad el 3 de octubre; el comandante Alberto Alessio ha sido designado delegado oficial del Ministerio de Marina. *Carnigliano*: En el teatro «Gimnasium» habló sobre el Esp. el señor Amedeo Rodolfi, que ahora dicta un curso en la Asociación Ligur de Empleados. *Génova*: Conferencias, cursos. *Milán*: Curso.

LETONIA. — *Riga*: Fundóse una sociedad; se dicta un curso a 200 personas.

NORUEGA. — *Cristianía*: En el salón de fiestas de la Universidad tuvo lugar un lucido acto de propaganda.

PORTUGAL. — La Federación Obrera organizó un nuevo curso, y tres la sociedad «Verda Stelo».

SUIZA. — *Zurich*: En el Club Tipográfico se realizó una conferencia y una exposición esperantista.

ESTADOS UNIDOS. — *Nueva York*: Cuatro cursos. *Filadelfia*: Dos cursos. *San*

*Francisco*: Varios cursos *Topeka*: Nuevo grupo.

ASIA. — *Blagovescensk* (*Siberia*): Activo movimiento; fundóse una sociedad; funciona un curso. *Formosa* (*Japón*): Aparece una revista en esperanto: «La Verda Ombro». *Jokosuka* (*Japón*): En una escuela nocturna se introdujo el Esp. *Kanton* (*Japón*): Fundóse un instituto esperantista; se inauguraron cursos. *Kioto*: Curso. *Tokio*: Dos cursos; conferencia en el local de la Asociación Laborista. *Pekin*: Curso en la sede de la Cooperativa Estudiantil-obrera. *Shanghai* (*China*): Mucha actividad; conferencias, cursos, nueva agrupación; los periódicos locales prestan decidido apoyo.

AUSTRALIA. — *Sydney*: Tuvo lugar el tercer congreso de esperantistas australianos.

## Venta de libros en Esperanto

Con el fin de propagar el Esperanto en todas las formas posibles, y para que se conozca la riqueza de la literatura Esperantista, este C. K. ha resuelto efectuar compras de libros impresos en dicho idioma, en las casas editoras de Europa para venderlos; ofreciendo desde ya, los ejemplares que se tienen en existencia, y cuya lista de precios es la que se publica en otra página de esta revista.

## Libroj kaj Gazetoj ricevitaj

«La rozujo ĉiumiljara», de Mabel Wagnalls. Tradukis Edward S. Payson. Estas rakonto kiu atingis grandan sukceson en Usono, kaj el kiu oni eltiris kinematografan dramon: «Revelation». La esperanta traduko — tiel bonstila kaj lukse presita kiel la antaŭj de Sro. Payson — enhavas specialan antaŭparolon, kie la aŭtorino sin montras tre favora al nia lingvo internacia.

«La libro de komuna preĝo», kajero dua. Eldonis Eklezia Esperantista Ligo.

«Rapport sur la langue Internationale Esperanto». Eldonis: Société des amis de l'Esperanto. 51, rue de Clichy, París.

«Faka vortareto No. 1». Provizora eldono de Brita Literatura kaj Debata Societo. Terminoj uzataj en la fabrikado de ombreloj.

«Canto delle Nazioni Sorelle», en lingvoj itala, franca, angla kaj esperanta. Internacia kanto lerneja; muziko de profesoro Natale Carosio; versoj de Vincenzo Pasquario; internacia aliformigo de Aldo Ferdinando Schmuckler (Genova). Eldoninto: Natale Carosio, Via Carlo Barabino, 16-21, Genova (Italia).

«Himno pri Universala Paco»; poemo de S. Frantz; muziko de Vicent F. Bort. Vendas: Esperantista Centra Librejo, 51, rue de Clichy, París. Prezo: 1 franko.

«Fideleco kaj Esper'», Himno. Poemo de S. Frantz; muziko de F. de Ménil. Sama eldonejo kaj prezo kiel la antaŭa.

«Esperanto» (U.E.A.), 238, 239-240.

«Literaturo», 5, 6.

«Esperanto Triumfonta», 2.

«Nova Tempo», 8.

«La Esperantisto», 10.

«Esperanto-Praktiko», 19, 20-21.

«Esperantista Laboristo», 7-8.

«Le Monde Esperantiste», 113.

«Franca Esperantisto», 3-4, 5.

«The British Esperantist», 185, 186, 187.

«Amerika Esperantisto», junio.

«Nederlanda Katoliko», junio, julio.

«La Unuigita Tuthomaro», aŭgusto.

«Espero Katolika», 7.

«Monata Bulteno de Aplech Esperanta Grupo», 12.

«La Verda Ombro», 5, 6.

«La Revuo Orienta», 5, 6; monata gazeto, organo de Japana Esperanto-Instituto.

«Verda Utopio», nova gazeto, ilustrita, kiu aperas en Osaka (Japanujo), No. 1.

«Laboro», 2.

«Esperanta Finnlando», 6, 7.

«La Eklezia Revuo», 10.

«La Studento», 2-3.

«Germana Esperantisto», 293.

«Esperanto Mitteilunger», 33, 34.

«Brazila Esperantisto», 4-6.

«Hispana Esperantisto», 38.

«Letras», hispana gazeto kiu publikigas artikolojn favorajn al Esperanto; 15, 16.

POŜTMARKOJ

Aĉetas — vendas — interŝanĝas kontraŭ referencoj aŭ mone estos sendota p.m.

Casis Yvert — Galvez, 1920

Korespondas: Esperante, Hispane, Itale

**Angel Tagliaferri**

Casilla Correo 1988, Bs. As.,
Argentinio.

«Portugal Comercial e Industrial», kun esperanta fako; 7. «Córdoba Comercial», hispana gazeto favora al Esperanto.

# Alvoko el Vieno

Ĉiuj samideanoj estas sendube bone informitaj per la naciaj ĵurnaloj, pri la mizero kaj malsato nunregantaj en la malfeliĉa Vieno. Jam en la tuta mondo oni klopodis malgrandigi kaj mildigi la kompatindan situacion de tiu popolo. Diversaj komitatoj estas fonditaj en kelke da landoj tiucele. Nun alvenis la vico ankaŭ por la esperantistoj. La Viena Komitato «Pomako» (Por manĝaĵa komitato) sin turnis per alvoko, al diversaj delegitoj de U. E. A. kun la celo kaj peto, ricevi ian helpon de la esperantistoj disemitaj en la tuta mondo.

La Viena Komitato «Pomako» estas formata de la sekvantaj personoj:

Sro. (supra konsilanto) F. Harthich — hon. prez. de «Uniuĝo Wien».

Sro. (direktoro) R. Kaltan — prez. de la Esp. unuiĝo «Danubio» kaj direktoro de la horloĝ-muzeo.

Sro. Revid L. Sield, vic-prez. de la «Katolika Ligo».

Sro. Andreas Deistler.

Sro. Oskar Zimmermann.

Sro. Revid Rudolf Frey.

Kiu deziras rekte interrilatiĝi kun la nomata komitato, povas sin turni, Str. Schulhof 2 (Uhrenmuseum) Viena, I. Austria.

Pri monsendoj zorgas en argentinio, Sro. Petro Gomez (delegito de U. E. A.), Str. Cordoba 3920, Buenos Aires.

# Fako Korespondado

JILEMMICE (*Ĉekoslovakio*). Sro. Josef Kavan, P. M. kun ĉiuj landoj.

BIAGOVEĜĈNSK-ĉe Amuro (*Rusujo, Siberio*). Sro. V. D. Sokolov, Reala lernejo, interŝ. P. K.

MIKKELI (*Finlando*). Sro. E. Kyberg. Interŝ. P. M.

CORONEL PRINGLES (*Buenos Aires, Argentina*). Sro. V. Merlotti. Interŝ. P. K. kaj P. M. kun ĉiuj landoj.

HUMPPILA MURTO (*Finlando*). Sro. Elias Syrjanen; poŝtmarkkomercejo. Interŝ. ĉiunlandajn P. M.

VIIPURI-LIKOLAMPI (*Finlando*). Sro. Outo Sarpio, Str. Siimenskatu, I. Intrŝ. P. K., P. M.

BLAGOVEŜĈENSK (*Siberio*). Sro. N. S. Pargaĉevskij, Poste restante, Korespondado kun ĉiuj landoj.

GENOVA (*Italujo*). Lernantoj de «Laborista Esperanto Grupo» ĉe Camera del lavoro, Via S. Luca 4-2. Deziras korespondadi.

BUDAPESTO (*Hungarujo*). Sro. Gabaro Masztiss, Drogisto, V. Lipotkörut 12. Deziras korespondadi kun samideanoj ĉiulandaj per P. K.

CERVENY KOSTELEC (*Ĉeĥoslovaskujo*). Sro. Fr. Boliĉek, Instrusto. Deziras korespondadi kun ĉiulandanoj.

SOFIO (*Bulgarujo*). Sro. Panajot Kolev. Str. Regentska, 19. Kontraŭ 30 malsamaj p. m. plenaj aŭ duonserioj, de ekstereŭropaj landoj, vi ricevos saman nombron da bulgaraj p. m. De eŭropaj landoj estas akceptataj nur p. m. speciale dummilitaj, revolucitempaj kaj jubileaj.

MENETON-SALON (*Cher, France*). Sro. P. Branchu intersanĝas p. k. — bfl. ĉiam respondas.

**HACEMOS RECORDAR**

Art. 14.—Los socios aislados pagan sus cuotas por mes adelantado. Al que adeudare un mes ya transcurrido, la secretaría le pedirá por nota que se ponga al corriente. Si no se recibe contestación en el término de un mes, se dará de baja al socio. Si se recibe contestación pidiendo un plazo para el pago, la Comisión puede concederlo si lo cree conveniente, pero éste no excederá de 3 meses.

# CURA NATURAL
(SIN MEDICAMENTOS)

De todas las enfermedades, por la Institución Naturista Dtor. Prof. C. Cappannari, con resultado positivo y radical. Todas las personas cansadas de tomar remedios, si desean recuperar su salud, deben ponerse a tratamiento fisico-naturo-dietético, verán que en breve tiempo el resultado será eficaz; pruebas de veracidad a satisfacción. Bajo la acción de los factores naturales no hay enfermedades que no se restablezca. Tratamiento por correspondencia y personalmente. Instrucciones y regímenes especiales para vegetarianos.

Folletos, reglamentos, informes y consultas gratis por carta y personalmente de 2 a 6 p. m.

**Calle RAWSON 1017 - Buenos Aires**


## Catálogo de Libros

| | Precios: |
|---|---|
| Kursa Lernolibro (E. Privat) | $ 0.60 |
| En la Barcelona Kongreso (V. Inglada). Comedia | „ 0.40 |
| Blanche. La Virgulino de Lille | „ 0.60 |
| La Rozujo Ĉiumiljara (M. Wagnalls) | „ 0.60 |
| Etimologio. Angla kaj Esperanta | „ 0.60 |
| La Akrobato de nia Sinjorino | „ 0.60 |
| Mimi (J. U. Giesy) | „ 0.60 |
| Ok noveloj (A. Bennett) | „ 1.20 |
| Verdaj Fajreroj (R. Frenkel) | „ 0.70 |
| Esperanta Psikistaro | „ 0.70 |
| Halka (A. Grabowski), ópera | „ 1.— |
| Frenezo (F. Pujulá-Vallés), drama | „ 1.— |
| La Biblio. Geneza | „ 1.50 |
| „ „ Eliro | „ 1.50 |
| „ „ Levidoj | „ 1.50 |
| La Sentencoj de Salomono | „ 1.10 |
| Manual y Ejercicios (V. Inglada) | „ 1.— |

Al hacer los pedidos por correo, agréguese 0.15 cts. para el envío certificado.


**RAZEJO**

**ESPERANTO**

DE

*Dionisio Ruiz*

2902 - VENEZUELA - 2902

BUENOS AIRES


**Todos los valores destinados a la A. E. A. (giros postales, estampillas o dinero efectivo), deben ser enviados al Tesorero, señor Antonio Vila, Belgrano 865, Buenos Aires.**


Ĉiu Esperantisto devas legi

"ESPERANTO"

Oficiala organo de Universala Esperanto-Asocio Internacia monata gazeto tute en Esperanto.

16-20 paĝoj de plej bona teksto. — Diverslanda kunlaborantaro.

Direktoro: *Edmond Privat*

**Enhavo**: Artikoloj de ĝenerala intereso pri nuntempaj internaciaj problemoj, sociaj demandoj, geografio, ekonomio, scienco. Literaturaĵoj. Esperantismo. Artikoloj pri propagando kaj utiligo de Esperanto. Kroniko. Tra la gazetaro. Tra la libraro. Oficiala informilo de U. E. A. Lingvaj Studoj. Anoncetoj, ktp.

**Jara abono**: Ordinara eldono: **10 Frankoj**

Redaktejo kaj Administratejo: **Mussumsstrasse 14, BERN.**

TOMAS VALKA

Y

JUANA ROSH

Sastres para

señoras y niñas

**Olaguer 2477 Bs. Aires**

Oni parolas esperante

Vitraux D' Art

ARMADOS EN PLOMO O BRONCE

ARTE RELIGIOSO

LETREROS LUMINOSOS

**Mateu & Villafranca**

Antigua casa COLLET

590 - CERRITO - 590

BUENOS AIRES

**J. Casanovas**

**Fabricante de medias para hombre**

VENTA AL POR MAYOR

**SOLICITEN PRECIOS**

Contra envio de 5 $ se remite a cualquier punto de la República una docena como muestra

Onis korespondas esperante

**1105 - B. DE IRIGOYEN - 1105**

BUENOS AIRES

PIELES

FOURRURES

CONFECCION y CONSERVACION

**E. Collasch**

848-ESMERALDA-848

Unión Telef. 5821, Juncal

BUENOS AIRES

Si Vd. desea conseguir muebles baratos de la mejor calidad, escriba solicitando catàlogo y condiciones a:

**Dalmau & Cía.**

**936 - SALTA - 936**

BUENOS AIRES